# juna amiko

N-ro 74
95/3

**Internacia Kvaronjara Lernejana Revuo en Esperanto**




# ilei

**Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj**

## Kiam iu instruas...
## ... Ĉu iu lernas?

Estas nur tri eblecoj. Unu: vi estas bonŝanca. Du: vi estas bonŝanca. Tri: vi estas ne-abonanto. Eble ni sendis al vi nian duan numeron en la unua tago post livero el la presejo. Tiukaze, vi havas raran kaj elstaran dufojan akuzativ-eraron en la dekdua linio de la enkonduko. Malpli ol cent el tiuj ekzempleroj ekzistas. Ene de kelkaj jaroj, kolektistoj pagos grandan sumon por tiu raraĵo.

Dua ebleco, ni sendis vian gazeton post nia rimarko de la eraro (vidu la bildon.) Tiukaze vi havas ekzempleron mane farbitan de la redaktoro aŭ helpanto. Vi scias, kiom oni pagas en aŭkcioj por originalaj farbaĵoj (ekz. milionojn por "Sunfloroj" de van Goh); certe valoros simile nia verko "Dunoj"*



Unu plia ebleco restas — vi ne estas abonanto. Vidu, kion vi maltrafas! Uzu la aldonitan varbilon, kun la adreso de via peranto kaj tuj aliĝu por 1996! Tarifoj apudas.

Kaj parolinte pri aŭkcioj, amuza tiu-tema taskfolio aperis en IPR 95/3. Petu vian instruiston fotokopii ĝin por vi. Diru, ke troveblas apud ĝi konsiloj por la uzo.

Instrui kaj lerni estas nia temo. Ekde paĝo 13 ni invitas vin ek-esti instruisto! Ni prezentas rakonton pri la esperanta spiono 005, kiun vi donu al amikoj. Legu la konsilojn kaj vi instruu ilin!

Ĉu la redaktoro lernis ion en la lastaj monatoj? Jes. Provlegigu la enkondukon pli zorge! Dum forfarbo de la tri-mil-kvin-cent-sepdek-dua ofenda n li konsolis sin per la penso: 'Almenaŭ mi scias pri kio skribi en la venonta enkonduko!'

Studu, lernu kaj instruu bone!
Deziras via redaktoro,

Stefano

Stefan MacGill
10 sept. 1995

* Kiom da N-oj?

**Juna amiko**
aperas kvarfoje jare

**Abonprezoj por 1996**

*Tarif-grupo 1:*

| | 1 ekz | 2-9 | >10 |
|---|---|---|---|
| NLG | 19 | 15 | 10 |
| SEK | 85 | 65 | 45 |
| FRF | 55 | 45 | 30 |
| GBP | 7 | 5.5 | 4 |
| DEM | 17 | 13 | 9 |
| USD | 12 | 9 | 6 |

*Tarifo 2: Latinameriko*

| | | | |
|---|---|---|---|
| NLG | 9 | 7 | 5 |
| USD | 6 | 4.5 | 3 |

*Tarifo 3: Rusio, ktp.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 6 | 4.5 | 3.5 |
| USD | 5 | 4 | 3 |
| NLG | 7 | 5.5 | 4 |
| HUF | 500 | 400 | 300 |
| IRPK | 7 | 5 | 4 |

*Tarifo 4: Najbaroj*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 4.5 | 3.5 | 2.5 |
| USD | 3.5 | 3 | 2 |
| NLG | 5 | 4 | 3 |
| HUF | 350 | 300 | 200 |
| IRPK | 5 | 4 | 3 |

*Tarifo 5: Hungario*

| | | | |
|---|---|---|---|
| HUF | 300 | 240 | 180 |

*Hungara peranto:* Mónika Molnár, Ságvári u. 21, HU-9735 Csepreg. Pagilon ni sendos al abonantoj. OTP-konto 470-34874-9

Se vi mendas pli ol 20 ekz. al unu adreso, petu eĉ pli grandan rabaton!

**Juna amiko, pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario**

ISSN 0230 1314

Jen nia dua rubriko *Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo*. Desegnaĵoj (nigra-blankaj) kun rakontetoj aŭ poemetoj de junaj infanoj estas tre bonvenaj. Ankaŭ materialo de iliaj instruistoj. Sendu ilin rekte al la redaktoro de *Juna Amiko*, aŭ al IĈLM ĉe la suba adreso. Tie vi povas peti informojn pri iliaj infan-libroj, son-kasedoj kaj aliĝi al la monda infan-rondo!

*IĈLM, 3876 Belmont Ave, San Diego, CA 92116, Usono.*
*tel.: (619) 281-0691.*

Ĉu en la kaĝo sidas birdo?

Ĉu la kato volonte sidas en la kaĝo?

La birdo demandas:
-Ĉu vi nun kaptas min?
-Miaŭŭŭ...- miaŭas la kato.

(desegnis 9-jaraĝa
Alina Sokół el Pollando



En la leciono de geografio:

**Instruisto:** Montru sur la mapo la Flavan Maron!
**Lernanto:** Mi ne povas, ĉar ĉi tie ili ĉiuj estas bluaj!

En la matematika leciono, la instruisto skribas sur la tabulo: 2:2

**Instruisto:** Kiu scias, kion tio signifas?
**Lernanto:** Sendecida rezulto!

En la lingva leciono, instruisto ekzercigas la verbojn.

**Instruisto:** Aldonu pronomojn al la verbo *iri*.
**Lernanto** *(malrapide):* Mi iras .... vi iras ....li iras ... ŝi iras ...
**Instruisto** *(senpacience)* Pli rapide, mi petas!
**Lernanto:** Mi kuras, vi kuras, li kuras, ŝi kuras, ni kuras...!

*Sendis Angele Straleckiene, Mrijampole, Litovio.*

# ELEFANT' kaj TELEFONO



**obsedo:**
**konstanta**
**ne-for-ig-ebla**
**deziro**

**Elefanto telefone**
**babiladas, babilegas**
**ofte, longe, multa-mone**

**Ĉiu iom ĝin konanto**
**pro la telefon-obsedo**
**nomas ĝin nur — telefanto!**

**Poemo:**
**Franz-Georg**
**RÖSSLER**
**Bildo: Rita**
**RÖSSLER-BUCKEL**

**Ĉu vi volas esti instruisto? Jen via unua baza demando:**

# Kion mi instruu?

**— trovu la bezonon de la lernanto!**



**Instruisto:** Mi instruos al vi gimnastikon!
**Lernanto:** Mi perdis miajn sport-ŝuojn.
**Instruisto:** Mi instruos al vi naĝi!
**Lernanto:** Mi perdis mian naĝ-kostumon.
**Instruisto:** Mi instruos al vi kanti!
**Lernanto:** Mi perdis mian voĉon! *(Tus', tus'!)*
**Instruisto:** Mi instruos al vi legi libron!
**Lernanto:** Mi perdis miajn okul-vitrojn.
**Instruisto:** Mi instruos al vi skribi leteron!
**Lernanto:** Mi perdis mian krajonon.




**Instruisto:** Mi instruos al vi verki poemon!
**Lernanto:** Mi perdis mian inspiron.
**Instruisto:** Mi instruos al vi geografion!
**Lernanto:** Mi perdis mian atlason.
**Instruisto:** Mi instruos al vi novan lingvon!
**Lernanto:** Mi perdis mian nov-lingvan vortaron.
**Instruisto:** Mi instruos al vi matematikon!
**Lernanto:** Mi perdis mian entuziasmon.



**Instruisto:** Mi instruos al vi paraŝuti!
**Lernanto:** Mi perdis mian kuraĝon!
**Instruisto:** Mi instruos al vi klaŭni kaj ĵongli!
**Lernanto:** Mi perdos mian ekvilibron!
**Instruisto:** Mi instruos al vi pensi!
**Lernanto:** Mi perdis mian saĝon.
**Instruisto:** Mi instruos al vi trovi aferojn!
**Lernanto:** Bone! Tion mi volas lerni!

Lernanto: Instruisto, mia memoro nun funkcias tre malbone!
Instruisto: Dum kiom da tempo vi spertas ĉi tiun problemon?
Lernanto: Kiun problemon?

Muzik-instruisto: Ĉu vi kapablas ludi violonon?
Lernanto: Mi ne scias, mi neniam provis.

## ILEI eldonis novan libron!

## FANTAZIAĴOJ KAJ KANTOJ POR INFANOJ

JON RØMMESMO



Sube jen unu el pli ol 70 kantoj kaj rimaĵoj en la nova libro. Ĝin ĝuos ĉefe infanoj inter 4- kaj 10-jaraj. Ĝi estas grand-formata (A4), plena je ilustraĵoj de la aŭtoro mem, kaj kun muzik-notoj. Mendu ĉe UEA (15 NLG plus sendokostoj) aŭ de ILEI per la aldonita mendilo.

Nun, ni havas kanton, kiu instruos al vi desegni vizaĝon de knabino.

### 47. LA KNABINETO






## Cito-invito — mallonge: INCITO!

En nia antaŭa numero sur p. 27 ni petis pri la cito: "Bonvolu, sinjoro, ĉu mi rajtas iom pli?"



Timeme tion diris Oliver Twist en la samnoma romano de la angla verkisto Charles Dickens. Ĝi okazis komence de la libro, kaj pro tio li estis elĵetita el la orfejo, survoje al aventuroj.

## *Poemo de komencanto*

Mi estas nur komencanto,
en la lingvo Esperanto.
Tro multe mi ne komprenas,
nur malmulte legas, skribas.
Sed nia instruistino
estas bona sinjorino.
Ŝi instruas nin pacience,
kaj ni lernas diligente.
Ni dankas ŝian klopodon,
dezirante al ŝi feliĉan vivon.

*Nagy Dávid,*
*Oradea, Rumanio*

Iu admiris instruistojn malpli ol nia apuda poem-verkinto:

*"Kiu kapablas, faras.*
*Kiu ne kapablas — instruas!"*

...Kiu diris tion?

## *AGO-TAGO por INFANOJ*

**En la gazeto *Eventoj* oni informas pri tut-monda AGO-TAGO en oktobro. Tiam en multaj landoj ni informas la publikon pri Esperanto. IĈLM proponas starigon de AGO-TAGO por INFANOJ. La proponata dato estas la 14a de februaro (merkredo). Kelk-lande, tiu tago jam estas AMO-TAGO, kiam oni sendas am-salutojn. Poste sekvas la esperanta *Semajno de Internacia Amikeco*.**

**Kiujn agojn oni faru? Estu ago-taga kanto: *Sur la Tero*, laŭ la konata melodio *Frat' Jakobo* (v. JA 95/2, p. 4). La kanto estas tiom simpla, ke ne nur esperanto-klasoj povos ĝin kanti, sed esperantisto povos en 15 ĝis 20 minutoj instrui ĝin al klaso ne studanta la lingvon. Do, klasoj el ĉiuj mond-anguloj en la sama tago kantu ĝin, kaj plie dis-sendu amikajn salutojn al foraj landoj. Tiu tutmondeco povos interesi ĵurnalistojn. Ni prezentos la kanton en la venonta *Juna amiko*, kun pli konkretaj ideoj por celebrado de la tago.**

## Nia revuo plu verve-verbe en 1996

Jam ni pensas pri la nova jaro! Kelkaj el niaj numeroj kreskos ĝis 36 paĝoj por doni lokon al la IĈLM-rubriko. Kiel ni avertis, la kotizoj iom altiĝas — vidu paĝon 2, kaj la novan varbilon, kiun vi ricevos kun ĉi tiu gazeto. Ĝi prezentos la adreson de via landa peranto kun la abon-prezo por via lando. Ni ĉi-jare ne aperigos la plenan liston de perantoj; kiu volas ĝin fotokopie, petu de la redakcio (kun irpk. se eble!). Tiel, kaj per apartigo de la varbilo, vi gajnis ses ekstrajn paĝojn da revuo!

Ni jam decidis la temojn por la nova jaro: elpensu kontribuaĵojn!

- ★ 1995/4: **Ŝanĝi:** kion ŝanĝi kaj kion konservi en nia mondo?
- ★ 1996/1: **Energio:** muskola kaj maŝina.
- ★ 1996/2: **Koni kaj rekoni.** Kiun vi konas? Famaj personoj.
- ★ 1996/3: **Komuniki:** homoj, lingvoj, bestoj, blekoj, helpiloj...
- ★ 1996/4: **Vojaĝi:** Kien? Kiam? Kiel? Kial?

Jam baldaŭ re-abonu por la nova jaro! Donu la varbilon al amiko kaj varbu por ni novan leganton! Ni presis kvar mil varbilojn, petu pli per la ena mendilo, se vi bone povos uzi kaj disdoni ilin!

---

**Novaj perantoj en Japanio:** s-ino NAKANO Humiko, Sakura-tyo 1-10-4, Koganie-si, Tokyo-to, 184 kaj REZA Hejra, C.P.CO Box 405, Tokyo 100-91. Unu abono kostas 1100 enojn.

---

**En la ekzamen'**
**Streĉa verka pen'**
**Kape nur konfuz'**
**Mi preĝu al la muz'.**

**Post moment' ekspira**
**Jen! — Talent' ŝekspira!**




---

*Eventoj* — **gazeto, kiu du-semajne portas al vi novaĵojn!**

**Gazetoj el Rusio:** ĉiumonate *Ruslanda Esperantisto*. Du-monata soci-kultura revuo *La Ondo de Esperanto*. Ambaŭ mendeblaj tra UEA. Petu specimenojn de REC, p.k. 67, RU-620077 Jekaterinburg. REC, paralele kun REU en Moskvo, akceptas abonojn por *Juna amiko*.

---

Telefonkartojn, ĉefe uzitajn, el la tuta mondo kolektas: Vláda HASALA, poŝtkesto 34, CZ-696 62 STRÁZNICE, Ĉeĥio; tel. (fakso) reg.: (++ 42) 631 2079. La anonceto konstante validas. Al ĉiu mi respondos.

# La Vilaĝa Idioto – vere malinteligenta?

La vilaĝo allogis multajn turistojn. En la vilaĝo vivis vilaĝa idioto — juna viro, kiu estis tre naiva kaj, kompreneble, tre kontenta. Plaĉis al la aliaj knaboj moki ĉi tiun subulon.

La preferata ŝerco, kiun la vilaĝaj knaboj ŝatis, okazis kiam ili renkontis turistojn. La knaboj diris, ke la turistoj proponu al la idioto elekton inter unu eta monero kaj alia pli granda, sed malpli valora monero.

La idioto, kompreneble, ĉiam elektis la pli grandan moneron, kaj la turistoj kaj la vilaĝaj knaboj forte ridis; kaj la idioto ridetis. Li ĉiam estis kontenta, kaj li ŝatis ridi.

Iun tagon, afabla turisto vizitis la vilaĝon. Li ne ŝatis la ŝercon, ĉar li opinias, ke oni devus pli bone trakti la subulon. Do li flanken-tiris la junan viron, kaj diris al li: "Mia amiko, kiam la turistoj proponas al vi la monerojn, kial vi elektas la malpli valoran?"

La idioto ridetis, kaj respondis, "Se mi elektus la pli valoran moneron, neniu ŝatus la ŝercon, kaj mi ne plu gajnus monon."

**Vortklarigoj:**

allogi = altiri, venigi
idioto = persono ne tro inteligenta.
naiva: tro kredema.
kompreneble = nature, certe, sen-dube
ŝati ion = tio plaĉas al mi.
plaĉas al mi io = Mi ŝatas ĝin.
preferata = kion oni preferas (pli ŝatas)
moki iun = ridi pri tiu, ĉar ni opinias tiun stulta.
monero = ronda metala pagilo.
subulo = malpli valora aŭ grava persono.
proponi ion = esti preta doni ion.
elekto = decido el inter du aŭ pli da eblecoj.
io okazas. = ni spertas ĝin. (ekz. evento)
flankentiri iun = gvidi iun for de la grupo.



valora = bona aŭ utila.
trakti iun = rilati kun iu.
ŝerco = io humura aŭ amuza.

Ĉi tiun ŝercon ni prenis el nova du-lingva brita gazeto por komencantoj: *Esperanto EKo*, redaktata de Brian Burnett. Ĝi foje prenas artikolojn el *Juna amiko* kaj regule rekomendas ĝin. Anglalingvaj lernantoj eble trovos ĝin utila. Ĝi kostas kvin pundojn por 4 numeroj jare. Petu ekzempleron de: EKo, Nant Yr Haford Cottage, Llandegla, Clwyd, LL11 3BG; tel. (01978)790442.

**Normale, se oni mis-priskribas ses muzik-instrumentojn, la rezulto estas ... kakofonio! Sed ni faris tion, kaj la rezulto estas ...kvizo!**

# Ses miksitaj muzik-instrumentoj

de Perlo Miela




**Ni prezentas la formojn de ses muzikaj instrumentoj. Sube legu ses priskribojn. Kiu teksto rilatas al kiu bildo? Sendu vian respondon ĝis la jarfino. Aldonu vian aĝon. Junuloj ĝis 18-jaraj povos ricevi premiojn — la novan kantlibron de Jon Rømmesmo (vidu paĝon 6)**

❶ Blov-instrumento, naskiĝinta el geedziĝo de hobojo kaj klarneto. Ĝin inventis Adolphe Sax (adolf saks) en 1846. Kvar variantoj rolas en la ĵaz-muziko: soprano, kontralto, tenoro kaj baritono.

❷ Ĝi apartenas al la korda, kaj la klavara grupo, sed pro ĝia per-bata eksono fare de marteletoj surkorden ĝi ne estas malproksima eĉ de perkutaj (frapaj) instrumentoj. Ĝin inventis Bartolomeo Cristofori (kristofori) en 1709. Dum du jarcentoj ĝi iĝis la plej populara muzikilo, havanta riĉegan verkaron kiel sol-instrumento, akompananto de kantistoj kaj preskaŭ iu ajn muzikilo kaj ano de ĉambra aŭ ĵaza ensembloj. Ĝi ofte estas ĉef-rolanto de koncertoj (muzikaĵo por sol-instrumento kaj simfonia orkestro).

❸ Kvar-korda instrumento bezonanta arĉon por eksoni. Ĝia hodiaŭa formo estas konata ekde la 17-a jarcento. Uzata kiel sol-instrumento, oni povas ankaŭ ludi ĝin kun piano, aŭ kiel membro de kvarteto kaj ĉambraj aŭ plenaj orkestroj.

❹ Latuna blovinstrumento, komence rekta tubo, poste rondforme refaldita. La muzikisto metas sian dekstran manon en ĝian larĝan funelon. En ĝia skalo mankis pluraj tonoj, sed tiun problemon solvis la valv-aparato, kies tri klavojn oni manipulas per maldekstra mano. Ĝi troveblas en armeaj bandoj kaj plenaj orkestroj.

❺ La origina instrumento konsistis el latuna rekta tubo, kaj la skalo ludebla per ĝi estis malkompleta. Poste la tubo refaldiĝis, tamen nur ekde la 17-a jarcento – dank' al la invento kaj apliko de valv-aparato ĝi jam havas la kromatan (12-tonan) skalon. Nuntempaj muzik-artistoj povas virtuoze regi ĝin. Uzata ĉefe en armeaj bandoj, ĵazaj ensembloj kaj orkestroj plenaj, ofte kun rolo de solo-instrumento.

❻ Kord-instrumento, perfingre plukata de ambaŭ flankoj. Uzata de pra-tempoj. Dum jarmiloj ĝi ne multe evoluis, nur ekde la 19-a jarcento, per duobla pedalo eblas ludi sur ĝi ĉiun skalon. Solo-instrumento, kelkfoje troveblas en plena orkestro (ĉefe en romantikaj verkoj).

## Adicia enigmo

Nia enigmo komenciĝas per du-litera vorto. Por trovi ĉiun postan vorton, aldonu unu literon kaj re-ordigu la ceterajn. La lasta vorto rilatas al nia temo (eble ankaŭ la antaŭ-lasta!)

1. Nekonata persono
2. Moviĝu for al alia loko.
3. Tenu ion de antaŭe kaj movu ĝin.
4. Bruniĝi — kiel fero.
5. Manĝigis
6. Severe kaj ne-demokrate estrus
7. Lernigas.



ENIGMO PRI INSTRUADO

# Pedagogia kruc-enigmo

R = Uzu nur la radikon (sen la finaĵo)

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | ■ |
| 8 | | | | | | | 9 |
| 10 | | | | | | ■ | |
| 11 | | | | ■ | 12 | 13 | |
| 14 | | | ■ | 15 | | | |
| ■ | | ■ | 16 | | | | |
| 17 | | | | | ■ | 18 | |

## Horizontale



1. Kion vi devas fari por memori ion. (R)
8. Denove studos por kompreni ion.
10. Estis ŝparema kaj ne grand-anima.
11. Malofta.
12. Fosaĵo aŭ loko, kiu enhavas nenion. (R).
14. Valor-metala.
15. Supozo, kiun oni ne povas science pruvi. (R)
16. Montri, ke io estas korekta aŭ vera per logiko kaj racio.
17. Science, logike, ne emocie.
18. La finaĵo por la estonteco.




## Vertikale

1. Miso, io, kio ne estas korekta.
2. Senŝanĝa.
3. Facile komprenebla.
4. Rilate al la gaso, kiun ni spiras ĉiutage.
5. Koncerne. Kun rilato al.
6. Transdono de scioj. (R)
7. Japana ludo kiu postulas cerbumadon. (R)
9. Legis aŭ rigardis kaj pensis multe por kompreni aŭ memori ion.
13. Imago. Deziro.
15. Realigo de io pli frue pensita. (R)
16. Anime pura, sankta, bon-morala. (R)

**Sendu viajn respondojn al la redakcio. Ni lotumos libro-premiojn el inter la respondintoj malpli ol 15-jaraj. Sukceson!**

## KOMENCO BONA, ĈIO BONA!

Ĉu vi memoras vian unuan lecionon de Esperanto? Ĉu ĝi plaĉis al vi? Kion enhavis via unua leciono? Prelego pri Zamenhof? Klarigo pri prononco? Ĉu via instruisto diris ion en Esperanto? Ĉion? Ĉu la lernantoj diris ion en la nova lingvo? Ĉion? Se vi parolis Esperanton, kiujn vortojn vi unue lernis? Kiujn frazojn vi unue aŭdis, legis, diris aŭ skribis?

Esperanto estas tiom fleksebla, ke oni povas komenci per preskaŭ iu ajn parto de la lingvo. Planu la perfektan unuan lecionon de Esperanto! Kiujn vortojn kaj frazojn oni plej bone unue lernu aŭ instruu? Kion vi faros, por ke la lernantoj ĝuu la lecionon kaj revenu por la dua?

La unua leciono en kurso estas tre grava. La lernantoj formas opinion pri la instruisto, pri la lingvo, pri la lern-emo. (Pri tiu graveco verkis la unua redaktoro de *Juna amiko*, s-ro Kurucz, en numero 95/3 de *Internacia Pedagogia Revuo*). Li proponis bonan enhavon por tiu unua leciono. Sur niaj kvar mezaj paĝoj mi faras samon. Mi prezentas nian heroan esperantan spionon 005. Kion pli? Multajn verbojn! Aktivajn, utilajn verbojn. Ĉu bona ideo?

## KIU INSTRUAS, SAMTEMPE LERNAS!

Kiom certa vi estas, ke vi bone lernis ion? Nu, provu mem instrui ĝin al iu alia! Tiam vi bone scios, ĉu vi mem sufiĉe bone ĝin komprenas.

Do, ni invitas vin... ek-estu instruisto! Uzu nian bild-rakontan unuan lecionon en Esperanto. Ĝi taŭgos por viaj junaj amikoj, kiuj ĝis nun ne lernis Esperanton. Ni aldonos ekstran ekzempleron de la paĝoj al via revuo, kaj per mendilo vi aŭ via instruisto povas akiri pli da ekzempleroj. Donu ilin al viaj amikoj, legu la sekvajn konsilojn, preparu vin kaj mem instruu la komencon de Esperanto pere de la rakonto.

### ADAPTU NIAJN KONSILOJN!

Ni donos nur ĝeneralajn konsilojn. Vi konas viajn lernantojn pli bone ol ni. Vi scias (aŭ scios) kiel vi mem preferas instrui. Ĉu vi ĉiuj nur parolos kaj aŭskultos? Ĉu lernantoj krome legu kaj skribu? Ĉu vi instruos ĉion sur la paĝo? Ĉu vi instruos pli? Tio dependas je la aĝo de la lernantoj!

## *KONSILOJ POR LA UNUA PAĜO* (p. 15)

### *TIO ESTAS -O*

Desegnu sur kartono aŭ trovu la naŭ objektojn, montru kaj prezentu ilin: **Tio estas** ——**O**. La lernantoj nomu la objektojn, unue en la donita ordo. Vi decidu ĉu doni skribajn tekstojn. Poste miksu la ordon de la objektoj. Montru unu: lernanto diru, kio ĝi estas. Ekzercu tion, ĝis la lernantoj parkere lernis ilin, tio estas, ili povas nomi ilin laŭmemore, sen legado.

ALIAJ EROJ Saluton. Nulo, Kvin. Spiono ⇒ Spione. Kun. Sed. Sekreto.

### *PRONONCO*

Tion instruu nur per via bona ekzemplo. Aŭskultu zorge la prononcon de la lernantoj. Donu pli bonan ekzemplon, se vi aŭdas malbonan prononcon. Aparte atentu ĉapelitajn literojn (sur la paĝo nur Ŝ) kaj literojn, kiuj estas malfacilaj por viaj lernantoj. Se loĝas apud vi bonaj parolantoj de Esperanto, petu ilin helpi vin doni bonan modelon.

### *MI HAVAS -ON*

Vi estu 005. Tenu objekton kaj prezentu la formon: **Mi havas** ——**ON**. Donu objektojn aŭ bildojn al lernantoj. kaj invitu ilin (eble per gesto) diri same: **Mi havas** ——**ON**! Ekzercu tion, ĝis ĉiu bone diras ĝin. Poste decidu, ĉu vi volas uzi aliajn formojn, ekz.: Kiu havas —ON? Kion vi havas? Ĉu vi havas —ON? Decidu same, ĉu vi volas prezenti la adjektivojn (Mi havas falsan barbon). Se jes, donu adjektivojn por la aliaj objektoj. Decidu, ĉu vi ekzercigos aŭ nur komprenigos la formon: 'Mi havas botelon da aspirinoj'. Pliaj ekzemploj:'Mi havas kolekton da mapoj. Mi havas stokon da libroj'.

## *KONSILOJ POR LA DUA PAĜO* (p. 16)

### *ADJEKTIVOJ*

Prezentu 'La' kaj 'ĝi' kaj 'kaj'. Prezentu la adjektivojn: **speciala** kaj **sekreta**. Diru: Tio estas radio! Leranto diru: La radio estas speciala! ktp.

### *NOVAJ VERBOJ!*

Vi jam instruis: Mi havas —ON. Nun instruu: **Malfermas..., puŝas..., tiras —ON**. Havu objektojn, kiujn vi povas malfermi, fermi, puŝi kaj tiri. Faru tion kaj demandu: 'Kion mi faras?' Donu objektojn al la lernantoj. Ordonu al ili: 'Malfermu la libron! Fermu la pordon! Puŝu la butonon, tiru la ŝnuron'. Vi ne devas instrui la ordonan formon -U. Uzu ĝin kun ordona tono: viaj lernantoj komprenos kaj aŭtomate lernos ĝin!


*Pli da klarigoj sur p. 19 ⇒*

## ESPERANTO SPIONE, KUN 005

Tio estas mapo.




Tio estas palto.



Tio estas ombrelo.



Tio estas teleskopo.



Tio estas libro.




Tio estas poŝ-lampo.



Tio estas radio.



Tio estas barbo (falsa).



Tio estas botelo da aspirinoj.






La palto estas speciala. ... ĝi estas sekreta boato.




La ombrelo estas speciala. ... ĝi estas sekreta paraŝuto.




La poŝ-lampo estas speciala. ... ĝi estas sekreta fotilo.




La radio estas speciala. ... ĝi estas sekreta insekto-batilo!






Nulo-Nulo-Kvin havas specialan palton...




005 havas spec.....an om.......on. Li havas sek......an para.....on.

005 havas sp.........an poŝ......on. Li havas s..........an fo........on.

005 h....... s............. r............. Li h....... s.............. in............

Nulo-Nulo-Kvin havas sekretan falsan barbon.




005 havas estron, Z, kaj amikinon, Sonja.






Verkis: S. MacGill. Desegnis: P. Rak

## *KONSILOJ POR LA TRIA PAĜO* (p. 17)

### *HAVAS -AN -ON*

Prezentu la akuzativon kun adjektivoj: 'Mi havas sekretan palton.' La teksto donas ekzercojn. La lernantoj kompletigu la frazojn. Instruu aliajn adjektivojn kaj uzu ilin kun 'estas' kaj 'havas'. Ekz:

Tio estas granda ombrelo. ⇒ Vi havas grandan ombrelon!

Tio estas bona, laŭta radio. ⇒ Vi havas bonan, laŭtan radion!

ALIAJ EROJ: Li, vi, ĝi, kaŝas -ON, mia, lia, por, Venu ⇒ Mi venas.

Ekzercu ilin: Tio estas mia radio. La radio estas mia.
Mi estas lia frato! Ŝi estas mia amikino.
Mi kaŝas la mapon! Mi trovas la mapon!
Venu! Mi venas. Kaŝu la fotilon! Mi kaŝis la fotilon.
Saluton, mi venas! Mi estas. Mi foriras, ĝis revido!

## *KONSILOJ POR LA LASTA PAĜO* (p. 18)

### *ORDONOJ*

Ekzercu ilin: Envenu! Rigardu! Atentu! Iru! Memoru -ON, Studu -ON, Kaptu -ON, Portu -ON, Ŝtelu -ON, Kaŝu -ON, Reportu -ON, Tiru -ON, Puŝu -ON, Fermu -ON, Helpu -ON.

Ordonu al la lernantoj. Ili fizike plenumu la ordonojn! Tiel ili bone lernos la verbojn, sen traduki ilin. Poste ili ordonu unu al la alia.

**ALIAJ EROJ:** En, de, al, tiu, vin, -os, projekciilo, bildo, martelo, fenestro, ktp. Ni ne devas aktive instrui ĉion. Sufiĉas, ke oni komprenu.
**FONAJ FAKTOJ:** Vi devos iom klarigi (nacilingve) pri Esperanto, Universala Esperanto-Asocio kaj ĝia Centra Oficejo, Volapuko kaj (por la antaŭa paĝo) kion signifas 'sam-ide-ano', kion faris Zamenhof, kaj kiel li aspektis (li havis barbon).

La lernantoj mem pretigu 'lum-bildan' prezentaĵon. Ili desegnu objektojn, kiujn 005 uzos por alia misio. Decidu, kiu estos la problemo kaj la misio. Lernanto estu la estro Z. Tiu montru la bildojn kaj diru, kion ni rigardu. Li klarigos (diros) la mision. Ĉu 005 diros 'Bone!'? Vi kaj via instruisto donu la necesajn vortojn por la bildoj kaj la klarigoj!
Kartludo: *Feliĉaj familioj*: Ĉu vi havas la filon de la bakisto? ktp.

**Se viaj lernantoj estas tre junaj, eble vi povos fari kvar lecionojn! Skribu al ni pri viaj rezultoj! Ĉu viaj lernantoj bone kaj ĝue lernis?**

# La unua leciono pri legado

"Hodiaŭ", diras sinjorino Ardeo, "mi instruos al vi la vortojn *pomo*, *bero* kaj *monto*. Unue mi skribos la literojn per mia flugilo en la aero kaj nur poste vi ripetu. Ni komencu per la *po*." Malrapide ŝi levas unu el la flugiloj kaj komencas: "Unu streko malsupren kaj unu rondeto dekstren. Nun ĉiuj! Unu streko malsupren kaj unu rondeto dekstren."

Nun ankaŭ la bestoj en la klaso levas kruron aŭ flugilon kaj ripetas: "Unu streko malsupren kaj unu rondeto dekstren. Unu streko malsupren kaj unu rondeto dekstren."

"Bone", diras la instruistino. "Unu streko malsupren kaj unu rondeto dekstren. Tesa Rano, kial vi ne partoprenas? Unu streko malsupren kaj unu rondeto dekstren. Ne, Tomaso Grilo, aliflanken. Jes, tiel. Ankoraŭfoje. Unu streko malsupren kaj unu rondeto dekstren. Benĉjo Kuniklo, montru vian kruron! Hejme vi povas ripozi, ne ĉi tie en la klaso."

"Mi ne bezonas partopreni", li fieris, "ĉar mi jam povas legi!"

"Tio estas tre laŭdinda, sed tamen mi volas vidi vian kruron gestadi. Vi simple partoprenu kun la aliaj. Ĉar estas ankaŭ bestoj kiuj ankoraŭ ne scias tiel multe kiel vi."

Grumblante ek-gestas la eta kuniklo, sed ne precize laŭ la deziroj de la instruistino! Intence li faras tre malgrandajn streketojn kaj rondetojn kaj li diras nenion.

Kiam finfine ankaŭ Peĉjo Pigo komprenis la literon, la instruistino daŭrigas per la litero *o*. La plimulto opinias ĝin tre facila, do ili baldaŭ povas ek-ekzerci pri la *mo*. `Unu streketo malsupren, unu kurbeto dekstren kaj ankoraŭ unu kurbeto dekstren. Ne, Tesa, ĉi tiu streketo ne estas tiel longa kiel tiu de la *po*. Ankoraŭ-foje. Unu streketo malsupren, unu kurbeto dekstren kaj ankoraŭ unu kurbeto dekstren. Unu streketo malsupren... Benĉjo, kie estas via kruro!?... unu kurbeto dekstren... Bone, Peĉjo! .. kaj ankoraŭ unu kurbeto dekstren. BENĈJO!! Ĉi tio estas la lasta averto! Vi TUJ levu tiun kruron, alikaze...!"

Post la leciono ĉiuj ricevas kajeron, krajonon kaj gumon por skribi la vortojn *pomo*, *bero* kaj *monto* dek fojojn laŭ la ekzemploj sur la nigra tabulo. Multaj bestoj ne precize scias kiel teni la krajonon, do la instruistino unue montras. Intertempe Benĉjo jam finskribis la vortojn kaj nun frandas el sia nazo.

"BENĈJO! Tuj elnazigu vian kruron! Se vi malsatas, vi prefere atendu ĝis la paŭzo, tiam vi povos manĝi karoton! Kaj kial vi ne skribas same kiel ĉiuj aliaj?"

"Ĉar mi jam estas preta. Ĉu mi nun rajtas legi libron?"

"Ne, kompreneble ne! Hejme vi povas legi librojn. Aŭ post Kristnasko, kiam ankaŭ la aliaj povos legi, tiam ni legos kune." La instruistino turnas sin kaj daŭrigas la helpadon, ĉar Peĉjo Pigo ankoraŭ ne tute komprenas.

Benĉjo enuegas. Kion fari nun??? Elfosi la nazon ne plu eblas, ĉar ĉiu muko jam elĉerpiĝis. Ĉu eble elfosi orelon? Sin-garde li metas kruron en unu el la longaj oreloj kaj sukcesas eloreligi iom da ŝmiraĵo. Erik Najtingalo vidas tion kaj laŭte kriegas: "Sinjorino! Benĉjo faras ion tre abomenan!"

Kolerege sinjorino Ardeo alpaŝas per siaj longaj kruroj al Benĉjo kaj ordonas ke li skribu la vortojn ankoraŭ dek fojojn. Grumble li ek-laboras.

Kiam li finis la kroman laboron, tiam la plimulto ankoraŭ ŝvitas super la tasko. Pro enuado li elŝiras paper-pecon el sia kajero kaj enbuŝigas ĝin. Post kelkaj firmaj maĉoj, la peco bone kaĉiĝis tiel ke ĝi bone povas algluiĝi ie. Tuj kiam la instruistino turnas sian rigardon aliflanken, li elbuŝigas la pecon kaj ĵetas ĝin al la vosto de Olaf Sciuro. Tiu ek-timigite turniĝas.



"Fek! Kio estas tio?", li krias.

"Aĉe! Tio similas la fekaĵon de kolombo!", ridas Kenjo Talpo.

"Ho ne, tio certe ne venis de mi", kontraŭdiris Petra Kolombo. Se vi surmetus viajn okulvitrojn, stulta besto, tiam vi certe vidus ke temas nur pri malseka paperpeco."

Sinjorino Ardeo ekperdas sian paciencon. "Kiu faris tion?", ŝi kriegas tra la klasĉambro. "Kiu estas tiu ĝenulo ?" Sed neniu diras ion.

"Do bone. Ĉiuj restu ĉi tie ĝis mi scias kiu faris tion. Se necese ĝis morgaŭ matene."

"Kio! ? Sed tio ne estas justa!", protestas Ninjo Strigo: "Mi faris nenion kaj baldaŭ mi devos iri al la naskiĝtag-festo de mia onklino!"

"Tio ne interesas min! Post la leciono vi restu ĉi tie!" Kolere la bestoj ek-grumblas unu al la alia. Kia maljusteco! Ankaŭ Benĉjo Kuniklo opinias la aferon ne-justa kaj decidas ke li tamen levu la kruron.

"Benĉjo, kio estas?", sonas abrupte.

"Pri tiu peco, ĉu ne? Nu, mi ĵetis ĝin", li pepas obtuze.

"Kompreneble! Denove nia kara Benĉjo! Kaj kial vi faris tion, se vi permesas al mi la demandon!?" Tra kun-tiritaj palpebroj ŝi alrigardas la etan kuniklon trans la supro de la okulvitroj.

"Ĉar mi tiel enuas", li respondas. "Mi jam povas legi kaj iom skribi, ĉar tion instruis al mi la patro. Kaj mi jam povas kalkuli. Ĉu mi vere ne rajtas legi libron? Mi estas ĉi tie por lerni ion, ne por enuadi!"

Nu, pri tio li kompreneble pravas. Ĝemante la instruistino ekstaras kaj el-klasiĝas. Post iom da tempo ŝi revenas kun libro pri flugi-pova koboldo. Ŝi prenis ĝin el la ŝranko de la sekva klaso.

"Jen", ŝi diras, "ĉiam kiam vi finis vian taskon, vi rajtas legi en ĝi. Kaj eble vi ankaŭ povos helpi Peĉjon de tempo al tempo, se vi volas."

Tion Benĉjo volas kaj ankoraŭ-foje funde eksplikinte al la pigo la diferencon inter la *no* kaj la *mo*, li malfermas la libron kaj ek-legas: *Antaŭ longe vivis ruza koboldo..."*

Verkis: Marie-Louise van As
Tradukis el la nederlanda: Roel Haveman


## VORT-KLARIGOJ

ripeti: diri laŭ ekzemplo.
grilo: insekto, kiu kantas somere.
pigo: granda nigra-blanka birdo.
laŭdinda: pri kio oni devas diri, ke bona estas
gestadi: komuniki per la manoj (aŭ kruroj!)
gumo: for-viŝilo por krajonaj skribaĵoj
enuas: trovas nenion interesan
muko: naza likvaĵo
singarde: kun zorgo por si mem
abomena: tre malbona.
ŝviti super tasko: laboregi
maĉo: dento-movo
ektimigite: kun subita granda timo
ĝenulo: iu kiu estas malagrabla al aliaj.
justa: morale kaj etike ĝusta
obtuze: malklare
palpebro: super-okulaj haroj
elklasiĝi: foriri el la klas-ĉambro
koboldo: nano, eta figuro
eksplikinte: klariginte



# Kiel oni elektis talentulojn en antikva Ĉinio




En la Han-dinastio (ĝis la jaro 220) lokaj estroj rekomendis talentulojn al la centra registaro. Tiu kontrolis ilin kaj akceptis la plej bonajn.

En la Ĵin-dinastio (265-420) la kortego nomis ŝtat-oficistojn en diversaj lokoj. Ili dividis talentulojn en tri klasojn: superan, mezan kaj malsuperan — *ĉiu kun tri gradoj* — do ili uzis naŭ-gradan sistemon. Komence ĝi bone funkciis, ĉar talentulojn oni trovis ankaŭ inter malriĉaj kamparanoj. Sed poste oni preferis nobelajn sinjor-id-ojn kaj nur tiuj povis atingi la superajn gradojn. Ekestis diskriminacio kontraŭ malriĉaj talentuloj.

En la dinastio Sui (581-618) la naŭ-grada sistemo estis nuligita, kaj oni enkondukis tut-landajn ekzamenojn. Ili daŭris 1300 jarojn ĝis la nuna jarcento. Ekzamenoj okazis en ĉiu tria jaro, en iu epoko estis 90 stud-objektoj! Oni devis tra multaj jaroj studi por prepari sin. Tamen, multaj kandidatoj aperis, ĉar ekzamena sukceso rezultis en ricevo de bona (eble administra) labor-posteno.

La ekzamenoj havis tri nivelojn — la provincan, la ĉefurban kaj la plej superan — en kiu la kandidatoj devis ekzameniĝi ĉe la imperiestro mem. En ĉiu sesio sukcesis en la plej alta nivelo kutime nur kelk-deko — la rekordo estis 300. La imperiestro nomis la unuan, duan kaj trian plej

eminentajn sukcesintojn. Ili paradis tra la stratoj sur ĉevaloj kaj ricevis gratulojn de la korteganoj. Iam gajninto rajtis eĉ edzinigi la filinon de la imperiestro.

En iu momento ekzistis 600 imperiestraj, cent mil ĉefurbaj kaj milionon da provincaj sukcesintoj. Multaj ekzameniĝis pri militaj temoj, aliaj pri konfuceanismo kaj ĉina kulturo. Multaj elstaraj ĉinaj poetoj, verkistoj, historiistoj, filozofoj, reformistoj, politikistoj kaj strategiistoj havis altan ekzamenan rangon. En la Tang-dinastio (618-907) ĉiu kandidato devis verki poemojn. Fine de la dinastio ekzistis pli ol 40,000 poemoj!

La ekzamena sistemo bone servis Ĉinion, sed ĝi havis ankaŭ kelkajn malavantaĝojn:

- Pensuloj, kiuj volis tro multe reformi aŭ kritiki la feŭdan sistemon ricevis severan punon.
- Oni studadis el konfuceanismaj verkoj, do ne lernis naturajn sciencojn. Tio malhelpis pli kaj pli kulturajn interŝanĝojn inter Ĉinio kaj la okcidento.
- La uzeblaj ideogramoj kaj strukturoj de verkendaj artikoloj estis difinitaj, do tio limigis la pensadon kaj kreivecon de la kandidatoj.

Tial la sistemo finis sian historian taskon en la komenco de la dudeka jarcento.

(El Popola Ĉinio *10/94, p. 42)*
*Koncizigis kaj simpligis: smg*

**vortklarigoj**



dinastio: periodo de regado de forta imperiestra familio.
rekomendi: diri, ke io estas bona por iu tasko. Proponi.
kortego: la imperiestro kaj liaj nobelaj helpantoj. La imperiestra registaro.
grado: nivelo, ŝtupo.
nuligita: haltigita, ĉesigita, perdis ekziston, ne plu rajtis ekzisti.
enkonduki -ON : starigi, lanĉi, ek-funkciigi ion.
epoko: longa tempo-periodo
labor-posteno: labor-loko.
kelk-deko: ...kvardek, kvindek, sesdek...
eminenta: tre tre bona.
konfuceanismo: tradicia religio aŭ filozofio en Ĉinio.
reformisto: homo, kiu volas ŝanĝi ion por pli-bonigi ĝin.
strategiisto: milita planisto.
feŭda: rego de imperiestro kaj lokaj nobeluloj, en kiu la kamparanoj ne posedis la teron.
ideogramo: ĉina skriba simbolo, kiu mem komunikas ideon, ne nur sonon.
kreiveco: la kapablo pensi originale kaj havi freŝajn ideojn.

## KONKURSAJ RESPONDOJ EL JA 95/2.

**La kaŝfrazan respondon de la krucenigmo ni ne donos tuj, por doni al vi ankoraŭ tempon sendi al ni respondon. Jen la aliaj:**

**Paĝo 6:** Kion mi manĝas? SANDVIĈON! Kion mi trinkas? LIMONADON!
**Paĝo 15:** ovo, bovo, blovo, bovlon, bonvolu, nov-brulo.
(Ricevos premion: Artur Doci, Albanio)
**Paĝo 14:** La anagramoj: karoto ⇒ torako... zipo, ripo, grafo, blokas, viro, divano, ek-spiro, lunde, trempo, tapeti, prenito, sturmado, tanka paso.

... kaj, parolante pri anagramoj...!...

> Emisii = sendi ion. Emisiem' = dezir' sendi ion.
>
> Jen fakto, kiun vi certe ne sciis!
>
> Emisiem' estas la sola vorto en Esperanto, kiu estas anagramo de si mem ie trovebla.

## Deziras korespondi

### ✎ Armenio

Anahit Griuni, Tumanjan 11, Loĝ. 34, AM-375001 Erevan. 16-jara junulino, ŝatas muzikon, lingvojn kaj korespondadon.

### ✎ Brazilo

Claudio B. de Oliveira, Rua Belarmino F. Lopes, 278, Bl. G, apto. 303, Purys, BR-25800-000 Tres Rios (RJ). 14-jara knabo dez. kor. tm., interŝanĝi flagetojn de landoj.

✎Anderson de Silva Ferraz, Rua Tabajara 120, Monte Castelo, BR-25800-000 Tres Rios (RJ). 13-jara knabo dez. kor. pri ĉ.t. kaj interŝanĝi kalendaretojn.

### ✎ Ĉinio

Ĝjen Ŭejĝjen, Tong fu shong Lu, Shi ba mu heng 4 Hao, CN-510240 Guangzhou. Naskiĝis 1975. Interesiĝas pri naturo, komputiloj, lingvoj, birdoj, naciaj moroj, religio, ĉiutaga vivo. Respondo garantiata al gejunuloj.

### ✎ Japanio

Gajnu plum-amikojn en Japanio helpe de la Koresponda Servo de Japana Esperanto-Instituto (JEI), Wasedamati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo-to, 162. Skribu ĉiun necesan informon tre klare kaj laŭeble aldonu du internaciajn respond-kuponojn (irkp). Via peto eniros komputilon.

### ✎ Kubo

20-jara instruisto Jose de J. Campos bv. skribi denove. La adreso sur-koverta estis ŝirita. Oni skribu adresojn kape de leteroj! Kiu deziras kontaktojn kun Kubo, skribu al KEA, Pk. 5120, CU-10500 La Habana.

### ✎ Litovio

Klubo Papilio, fondita en aprilo 1995, dez. kor. kolektive kun aliaj grupoj, cele al ĝemeliĝo: Papilio, p/a LEA, a.d. 167, LT-3000 Kaunas. Ili petas librojn, gazetojn, sonbendojn por sia biblioteko kaj muzeo.

### ✎ Togo

Adje Koffi, B.P. 6062, Lomé. 23-jara kuiristo, ŝatas vojaĝadon, futbalon kaj legadon.

**MONOLOGO:**

# LA ŜOFOR-INSTRUISTO

Bonan tagon, s-ino... s-ro... Nervastreĉ, ĉu? Jes, saluton, mi nomiĝas s-ro Timotrem, mi estas via nova ŝofor-instruisto. Se mi ne eraras, via antaŭa instruisto estis s-ino Kluĉengaĝ. Jes, ŝi jam vokis min — el la hospitalo — do mi jam estas iom informita pri via ... progreso.

Nu, nur por ke mi estu iom pli komplete informita, bonvolu diri, ... kiom rapide vi estis ŝoforanta, kiam ŝi saltis el la aŭto? ... Naŭdek kvin. Kaj kie precize tio okazis? ...apud via domo, sur via garaĝa vojo. Hmm. En kiu rapidumo vi tiam veturis, tria aŭ kvara? Ho, tamen, ... kiam vi estis inverse eliranta por eniri la stratan trafikon.

Do, eniri trafikon — tio estas bona komenco-punkto. Kion ĉiam faris s-ino Kluĉengaĝ kiam ŝi petis vin eniri trafikon? ...Nu, jes, certe, sed ... krom preĝi. Nu, vi ne memoras. Ne gravas, ni ne povas ĉion memori! Mi pensis pri tio, ke necesas rigardi en la retro-spegulon! Nu, rigardu, kaj poste provu eniri la trafi... **NE NUN!!**

Ha, ha, ĉu vi ne rimarkis tiun beton-miksilan kamionon? Nu, ne gravas, iu forskrapos la betonon. Koncentriĝu pri la ekiro, libera vojo, jes, bone, *(skueto)* unua rapidumo, jes, iom pli da akcelado, jes *(skuo)* , nun tridek km/hore, sufiĉe rapida por la dua rapidumo ..*(subita skuego)* Nu, mi vere ne volis instrui la inversan iradon tiom frue en la kurso ... sed ĉar vi ĉiuokaze elektis ĝin... Ni provu retroiri en tiun spacon. *(skuo)* Fakte, ne tiun spacon mi celis. Mia kulpo, mi ne sufiĉe klare esprimis min. Kaj vi preskaŭ sukcesis. Tre bone! Nu, preskaŭ tre bone! Ni foriru kiel eble plej baldaŭ! Ne gravas, la telefon-kompanio instalos novan!

Nun, ni provu turnon. Ĉu vi vidas tiun straton maldekstre? Jes, do, memoru ĉion, kion vi lernis, kaj provu turni en ĝin! Jes, jes, bone .... **JAAJJJJ!!!** Ne tiun straton! **Bremsu!!!**

Kion krias tiu alia ŝoforo? Mi ne scias precize. Io pri la karaktero de via patrino, ŝajne. Nu, jes, mi petis vin turni maldekstren, vi indikis maldekstran turnon, li vidis tion, mi supozas ke li, same kiel mi, nature supozis, ke vi fakte intencas turniĝi maldekstren!

Nu, nu, ne ekscitiĝu, estas tute mia kulpo. Mi estus devinta rimarki, ke dekstre estas unu-direkta strato. Nun, necesas foriri, iru en tiun aleon, tiun strateton, apud la lernejo por liberigi nin de tiu krianta ŝoforo.

Ve! Ĉu vi ne kredas, ke 60 km/h estas iom tro granda rapideco en tiom mallarĝa aleo? Povus aperi obstakloj, kiel ekzemple tiu liver-kamiono — se samtempe aliflanke aperus sket-bretulo aŭ panjo kun bebo-ĉaro ... jes, ĝuste kiel tiuj, vi ne sukcesus... vi ne sukcesos.... la spaco ne SUFI...**III**! Mi **VERE** kredis, ke tiu spaco ne sufiĉus.

Nu, tio nur montras, kiel ni ĉiuj povas erari! Do, bone, ni pluiru, kaj nun... faru por mi maldekstran turnon! *(skriii!)*

Hmm. Jes, mi fakte celis, ke vi turniĝu en la venontan straton, kaj ne sur la gazonon de ĉi tiu kolera sinjoro. Jes, senprokraste, inverse denove, jes, tiun rapidumon, kiun vi trovis antaŭ momento, jes, mi ne ŝatas kiel li svingas tiun rastilon, jes, ek! **KRAŜ!!**

Ho, ŝajnas, ke ni ion trafis. Kial? Kial vi ne vidis tiun aŭton? Ho, vi estis blindigita de iu lumo. Nu, tio povas okazi. Blindigita de kiu lumo? Ho, jes, tiu ruĝa lumo. Jes, nun ankaŭ mi vidas ĝin. Jes, tiu ruĝa lumo supre... sur tiu nigra-blanka aŭto — ĝuste tiun, kiun vi trafis. *(mallevas fenestron.)* Jes, oficiro, s-ro Nervastreĉ estis ĵus rakontanta al mi...

Nun, vi rajtos veturi kun la oficisto en la polic-aŭto, kaj mi sekvos en ĉi tiu, kaj en la policejo ni enordigos ĉion — vi ricevos dokumenton.,. Kion? Ne, pri tio ne temas. Ne, s-ro Nervostreĉ, vi ne ricevos tie vian ŝofor-permeson!

smg

## VORT-KLARIGOJ

ŝoforo: aŭto-kondukisto
informita: havanta informojn
garaĝo: aŭto-konservejo
rapidumo: unua, dua, tria..., inversa.
preĝi: peti helpon de Dio
necesas fari ion: vi devas fari tion.
kamiono: ŝarĝ-aŭto
koncentriĝi: direkti la atenton al
akcelo: rapidigo
skuo: subita salto
retro-iri: iri malantaŭen
kulpo: eraro, malbona faro
gazono: bela herbejo
rastilo: ĝardenista laborilo
blindigita: ne povanta bone vidi

**Li turnas la aŭton.**
**La aŭto turniĝas.**



*Kiu parolas al kiu? Ni aŭdas nur duonon de la konversacio. Tamen, ni komprenas! Tian unu-personan rakonton ni nomas: monologo.*

# Volonte ili revenis — ĉi-foje al la nordo!

La Tria Gimnazia Semajno de ILEI okazis en aŭgusto en Finnlando. Kunvenis sep junuloj en Övik, apudmara loko, 50 km. oriente de Helsinki. Samtempe tie okazis la 29a Konferenco de ILEI kun 50 instruistoj. La junuloj estis tri gefratoj el Britujo: Rolf, Gavan kaj Petra Fantom, Martina Gazdek el Kroatujo, Estelle Loiseau el Francujo, Janko Luin el Svedujo kaj Rustam Ragabov el Taĝiko. La plimulto partoprenis en pli fruaj gimnazioj, Martina en ĉiuj tri.

Ĉiu-matene okazis ses 30-minutaj lecionoj pri: la finna lingvo, E-literaturo kaj proverboj , muziko, movadaj konoj, ne-parola komunikado kaj geografio (energio kaj ekologio). Pluraj el la lecionoj estis publikaj. Tio helpis al la instruistoj ne nur teorie diskuti, sed praktike vidi tre diversajn instru-teknikojn, kaj poste reagi kaj interŝanĝi opiniojn.

La gimnazianoj loĝis en tendoj apud la lago-simila maro, kie ili povis naĝi, remi kaj unufoje promeni per motor-boato inter la insuloj. Dum ekskurso al Porvoo/Borgå oni vizitis grandioze ekipitan finnan gimnazian lernejon.



La gimnazianoj longe preparis sin por la lasta vespero, kiun ili mem kompilis por la konferencanoj. Janko estis la prezentisto. Martina majstre ludis la pianon, Rolf kaj Gavan violon-ludis, Rolf pop-muzikumis. Ili aktoris scenon pri instruado el la proza verko *Sep fratoj* de la finna verkisto Aleksis Kivi. Alia teatraĵo prezentis la amo-plenan vivon de Matildo Vrede' inter krimuloj-malliberuloj. Ili montris kiom bone ili sukcesis lerni ludi kantelojn (finnan muzikilon).

Fine, ILEI esprimas dankon al ĉiuj, precipe la finnaj kolegoj, kiuj instruis, liveris helpilojn kaj kunlaboris por sukcesigi la semajnon.

el pli kompleta raporto de s-ino Barcsay, la direktorino de la Gimnazio.

**En unu vespero, la gimnazianoj kaj la tuta publiko spertis (aŭ eble suferis) geografian kvizon. En ses teamoj, ili devis aŭskulti kvin faktojn pri naŭ landoj. Ili devis diveni pri kiuj landoj temis. Apude, jen la demandoj. Vi mem povos ĝui la saman kvizon en via grupo.**

**Plie, vi povas verki mem proprajn demandojn (ne nur pri geografio) por pretigi viajn proprajn kvizojn kun la samaj reguloj.**

### El la Tria Gimnazio de ILEI:

# Geografia kvizo

Ni prezentis faktojn pri naŭ landoj. Ni prezentis kvin faktojn pri ĉiu lando. Ili laboris en grupoj kaj devis diveni la landon. Post la dono de ĉiu fakto, ĉiu grupo laŭvice rajtis proponi unu respondon. Ankaŭ la unuan rajton respondi ni donis laŭvice. Ili perdis nenion, se ili donis malĝustan respondon, do ili ofte divenis. Se iu diris la ĝustan landon post aŭdo de nur unu fakto, la grupo ricevis kvin poentojn. Post du faktoj, kvar, post tri, tri, post kvar, du kaj post ĉiuj kvin faktoj oni gajnis nur unu poenton.

Provu la kvizon ankaŭ en via grupo! Ne disdonu la skriban tekston, la kviz-estro laŭtlegu la demandojn. Prefere donu laŭvice la kvin faktojn pri unu lando, poste pluiru al la sekva lando. Ni aranĝas la faktojn ĉi tie alimaniere, por ke legantoj povu diveni pri ĉiu lando, sen tuj vidi la *pli simplajn (pli-postajn) faktojn.*

### Unuaj faktoj pri la naŭ landoj

**Lando 1:** Oni devas veturi milojn da kilometroj por atingi maron.
**Lando 2:** La longeco de ĝia marbordo estas 4600 km.
**Lando 3:** Nur unu Universala Kongreso de Esperanto okazis tie — ne en la ĉefurbo.
**Lando 4:** Tri Universalaj Kongresoj okazis tie — ĉiuj en la ĉefurbo.
**Lando 5:** Ĝia plej alta monto havas altecon de 3764 m.
**Lando 6:** La parlamento ne troviĝas en la ĉef-urbo.
**Lando 7:** Ĝi liveras la soldatan trupon, kiu gardas la Vatikanon.
**Lando 8:** La ĉefurbo tute ne estas la plej granda urbo de la lando.
**Lando 9:** La araba kaj la franca estas la ĉefaj lingvoj uzataj.

### Duaj faktoj pri la naŭ landoj

**Lando 1:** Ĝia monunuo estas la tugriko. Monbilete videblas du alfabetoj.
**Lando 2:** Tri Universalaj Kongresoj okazis tie — du en la ĉefurbo.
**Lando 3:** Ĝi konsistas el dek provincoj kaj du teritorioj.
**Lando 4:** Montoj ĝis ĉ. mil metroj troviĝas ĉefe norde de la lando.
**Lando 5:** Ĝi estis la dua lando en la mondo doni al virinoj voĉdon-rajton.
**Lando 6:** Ĝi estas apudmara lando kun marista tradicio.
**Lando 7:** Ĝi ne havas marbordon, sed ĝi estas "politika" insulo.
**Lando 8:** La plej alta monto nomiĝas Kosciusko.
**Lando 9:** La nomoj de la lando kaj ĝia ĉefurbo komenciĝas per la samaj kvar literoj.

## TRIAJ FAKTOJ PRI LA NAŬ LANDOJ

**Lando 1:** La lando enhavas plimulton de la plej granda dezerto en Azio.
**Lando 2:** Ĝi havas 62.000 lagojn kaj 30.000 insulojn (laŭ unu kalkulo!)
**Lando 3:** Ĝi estas oficiale du-lingva ŝtato.
**Lando 4:** Kvinono de la popolo loĝas en la ĉefurbo.
**Lando 5:** Ĝi havas pli ol 30 ŝafojn por ĉiu homa loĝanto.
**Lando 6:** Ĝi havas du najbarojn, unu unuiĝis dum la alia provadas disiĝi.
**Lando 7:** Ĝi estas politike neŭtrala, sed havas fortan armeon kun deviga milit-servo por viroj ĝis tre alta aĝo.
**Lando 8:** Ĝis nun neniu Universala Kongreso okazis tie, sed...
**Lando 9:** Per 10-hora trajnvojaĝo de la ĉefurbo oni atingas *Tozeur* kaj la randon de la dezerto.

## KVARAJ FAKTOJ PRI LA NAŬ LANDOJ

**Lando 1:** Tradicie la popolo vivis en grandaj rondaj tendoj.
**Lando 2:** La lingvo de ĉi tiu eŭropa lando ne estas hind-eŭropa.
**Lando 3:** Ĝi estas la dua plej granda lando en la mondo.
**Lando 4:** Ĝi havas tri pliajn najbarojn ol antaŭ ses jaroj.
**Lando 5:** Ĝi havas vulkanojn, gejserojn kaj lampir-kavernojn.
**Lando 6:** Granda parto de la lando kuŝas sub la mar-nivelo.
**Lando 7:** La lando havas tri oficialajn kaj kvar naciajn lingvojn.
**Lando 8:** Ĝi gastigos la Olimpikajn Ludojn en la jaro 2000.
**Lando 9:** *Hammamet*, *Nabuel* kaj *Sousse* estas famaj turismaj celoj.

## KVINAJ FAKTOJ PRI LA NAŬ LANDOJ

**Lando 1:** Rektaj trajno inter Moskvo kaj Pekino pasas tra tiu lando.
**Lando 2:** Tie okazis la Tria Gimnazio de ILEI, kie ĉi tiu kvizo aperis.
**Lando 3:** Ĝi produktas tritikon, lignon, kaj estas riĉa je mineraloj kaj oleo.
**Lando 4:** Ĝi ne havas maron, sed du grandajn riverojn kaj unu lagon.
**Lando 5:** La lando konsistas el du ĉefaj insuloj kun ne-originalaj nomoj.
**Lando 6:** Ĝi estas fama pro tulipoj, vent-muelilo kaj la CO de UEA.
**Lando 7:** Ĝi havas la plej altajn montojn de Eŭropo.
**Lando 8:** Ĝi konsistas el sep ŝtatoj kaj unu ĉefurba teritorio.
**Lando 9:** Berberaj kavern-domaj loĝantoj troveblas rande de la dezerto.

Oni rajtis akiri ekstrajn poentojn kiam lando estas divenita, se oni povis diri iujn el la nediritaj faktoj pri la koncerna lando.
Ni aperigos la ĝustajn respondojn en la venonta numero. Premiojn ni donos por ĝustaj solvoj, se la solvinto ne partoprenis la Gimnazion aŭ Konferencon!

# LEGU ĜIN DENOVE, PAĈJO

Bertram Potts, Nov-Zelando

Mia paĉjo al mi legis en la tempo longe fora
historiojn en la enlitiĝa horo.
Multhumora li ja estis, jen priplora, jen ĝojkora,
kaj min ravis per voĉ-tonoj de aktoro.

'Legu ĝin denove, Paĉjo', mi kutime pete kriis
kaj ni kune kreve ridis kamarade,
kaj li rolis tiel riĉe, ke vast-vide mi viziis
la fabelo-mondon pasi min parade.

Sur genuo de la paĉjo mi aŭskultis streĉ-atente,
dum mi sekvis ĉiun spir-haltigan vorton.
'Legu ĝin denove, Paĉjo!' Li karesis min sen-plende
kaj elportis plen-akorde sian sorton.

Povas esti, ke li ekvojaĝis sur memoro-maro
kaj refoje tra la junaj jaroj drivis.
Tiuhore ni fariĝis ĝoja infaneto-paro,
tiel simpatie ni kor-vibre vivis.



## VORT-KLARIGOJ

ravi iun: forte ĝojigi iun.
kreve: dis-fale
roli: prezenti scenojn
vizii: vidi per la imago
spir-haltiga: fort-impresa
elporti sorton: akcepti malfacilan devon
drivi: iri aŭ flosi laŭ la fluo de akvo
kor-vibre: vigle sed harmonie

Enlanda prezo 1995: 45 HUF (60 kun livero)
1996: 50 HUF (75 kun livero)




## Intervjuu unu la alian!

1. Ĉu vi ŝatas lerni? Kion plej multe? Kion ne multe?
2. Kia estas bona leciono? Kiajn lecionojn vi ne ŝatas?
3. Kion vi faras, se vi ion ne komprenas en leciono?
4. Ĉu vi kredas, ke vi lernas en lernejo tion, kio plej utilos poste en la vivo? Kion alian vi volus lerni?
5. Kiajn kvalitojn bezonas instruisto? Ĉu vi havas ilin?
6. Ĉu vi volus esti instruisto? Kial, kial ne?
7. Ĉu vi povus esti bona instruanto aŭ instruisto?
8. Kiujn stud-objektojn vi ŝatus instrui? Kiujn vi ne ŝatus instrui? Kiom-aĝajn personojn vi preferos instrui?
9. Kiajn helpilojn vi bezonos por viaj lecionoj?

Ni esperas, ke vi bone sukcesis instrui Esperanton al amikoj kun la helpo de 005. Vi povas mendi pli da ekzempleroj de tiuj kvar paĝoj! Skribu al ni pri via sukceso. La plej bonaj instruistoj ricevos premie la duan kaj trian kajerojn de *Tendaraj tagoj*, kie 005 havas du grandajn plenajn aventurojn en Volapukistano!